1 JUNIO 1908 — Unu Numero : 10 CENTIMOJ (4 Spesdekoj) — KVARA JARO. — No 32

# ★ ESPERANTO ★

OFICIALA ORGANO DE LA UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Duonmonata Internacia Gazeto

**ABONO**

Unu Jaro . . . . Sm. **1.20** | Helpabono . . . . Sm. **4.**—

Speamilo (Sm.) = 100 Spesdekoj (Sd.) = 2,50 frankoj = 2 ŝilingoj = 2 markoj = ½ dolaro = 1 rublo = 2,40 kronoj aŭstr = 1,80 kronoj Skand (proksimume).

Oni abonas ĉe la Administrejo
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Svisujo)
aŭ ĉe la lokaj agentoj

DIREKTORO :
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)



## Universala Esperanto-Asocio [1])

### Esperanto-Konsuloj.

Unu el la faktoj okazintaj en la lasta tempo, kiuj estas plej gravaj por la enkonduko de nia lingvo en la praktikajn rondojn, estas la kreado de Esperanto-Konsularo. Propono pri elekto de Esperanto-Konsuloj en kiel eble plej multe da lokoj sur la terglobo estis farata la unuan fojon de S-ro A. Carles en la IIa Kongreso, en Genevo. Tiu propono estis favorege akceptata kaj tre rapide, per la klopodoj de diversaj personoj, konsuloj estis elektataj en multe da urboj, tiel ke nun oni kalkulas pli ol 200 da ili.

Sed ne sufiĉas, ke ekzistas konsuloj, estas ankaŭ necese ke ili utilu por io, ke la publiko konu ilian ekzistadon kaj kutimiĝu uzi iliajn servojn. En tiu ĉi rilato ni devas konfesi, ke restas ankoraŭ multo farota. Oni scias ke, en Kembriĝo, la ĉeestantaj konsuloj kunvenis por pridiskuti la temon. Raportoj estis farataj de S-roj Carles, Hodler, Meyer, Rousseau sekve de kiuj oni decidis la eldonon de broŝuro en kiu estas resumataj la diversaj konkludoj de la Kembriĝ'aj Kunvenoj.

La verkintoj esperas, ke la konsiloj donitaj en ĉi tiu broŝuro estos utilaj al ĉiuj konsuloj estantaj kaj estontaj. Sed antaŭ ĉio la sperto montris, ke nepra kondiĉo de vivado por ili, estas ke ili estu internacie kunligitaj. Tion opiniis ĉiuj suprediritaj raportintoj en la IIIa Kongreso, tio estas ĉiuj personoj kiuj iniciatis la konsulojn kaj la plimulto de tiuj kiuj ĝis nun laboradis por la efektivigo de tia ideo. Pro tio, ili unuanime eniris en la komitaton de U. E. A., fondata grandaparte per iliaj klopodoj, antaŭvidante ke la ĉefa laboro de nia asocio estos la elektado de konsuloj en ĉiuj lokoj, la ellaborado de unuforma regularo por ili, kaj la preciza difino de la servoj postuleblaj de ili.

La fako IIa de U.E.A. nun komencas tiun laboron. Por tio, la komitatanoj de tiu fako jam pretigis cirkuleron sendatan kune kun la supredirita broŝuro al ĉiuj delegitoj.

Ĉar la delegito estas regule balotita de la anoj de U. E. A. li estas ĝia oficiala reprezentanto en sia loko. Tial ke li povas paroli je la nomo de nia vasta asocio, li plej aŭtoritate povos rekomendi la anojn de U. E. A. al la aliaj delegitoj kaj al la diversaj personoj de sia loko, kaj helpi al ili en ĉiuj malfacilaj cirkonstancoj. Laŭ tiu vidpunkto ili do ludas, rilate al la anoj de U. E. A. saman rolon, kiun ludas, rilate al siaj samnacianoj, la naciaj konsuloj. Li do bonege respondas al la rolo priskribita en la broŝuro, kaj sekve de tio devas alpreni la titolon : Delegito-Konsulo.

Sed kompreneble, la Delegito-Konsulo de U. E. A. ne ĉiam mem taŭgas en ĉiuj okazoj. Tre ofte li ne povas, pro manko da tempo, respondi mem al ĉiuj petoj pri ĉiutagaj informoj, malgravaj kvankam necesaj, kiel ekzemple, adresoj de esperantistaj hoteloj, sciigoj pri vidindaĵoj, komerco, k. c. Plie, li tre ofte tute ne povas doni la petitan informon. Se li estas, ekzemple, instruisto, li verŝajne, ne povas doni utilan kaj precizan sciigon pri la prezo de la vinoj aŭ de la grenoj sur la vendejoj de sia regiono ; aŭ, se li estas komercisto, li ĝenerale tre malmulte povus esti utila al fremda studento kiu skribus al li pri programo de la medicinaj studoj en la Universitato de lia urbo.

Estas do necese ke la Delegito-Konsulo elektu, kiel eble plej baldaŭ fakajn konsulojn al kiuj li resendos la petintojn kiuj deziras precizajn informojn pri speciala temo. Antaŭ ĉio li bezonos *Konsulon pri ĝeneralaj informoj*. De li la turistoj ricevos sciigojn pri la vidindaĵoj, pri la somerrestejoj de la regiono. Speciale, por tiuj kiuj vojaĝas are, kaj kiuj antaŭe sciigos poŝtkarte sian alvenon, li klopodos por trovi hotelon, laŭeble esperantistan, taŭgan por iliaj monujoj kaj gustoj, ili atendos ilin ĉe la stacidomo, kondukos ilin tra la urbo, utilos al ili kiel interpretistoj, vizitigos al ili la diversajn oficialajn instituciojn laŭ permeso antaŭe petata de la aŭtoritatuloj, prezentos ilin ĉe la gastotabloj, en la esperantistaj kunvenoj, k. c. Oni certe jam komprenas, kiel multe, post la kreo de tiuj servoj en la plej vizitataj urboj de la mondo, opaj vojaĝoj estos facilaj kaj agrablaj. Cetere, la anoj de U. E. A., kiuj partoprenos la vojaĝojn, kiujn ni organizos al Dresdeno, pri tio rapide konvinkiĝos.

Por sinjorinoj, kaj speciale por fraŭlinoj kiuj vojaĝas solaj en fremda lando, ni ankaŭ nepre bezonas specialan *konsulinon*. Tiu ĉi ricevos la vojaĝantinojn tuj ĉe ilia elvagoniĝo, zorgos ĉiumaniere pri ilia komforto kaj helpos al ili per konsiloj ĉefe se ili deziras ricevi oficon de guvernistino, instruistino, k. c. Unuvorte, la rolo de la konsulinoj estos simila je tiu de la Societo por Protektado de Fraŭlinoj, sed kiom multe pli facila, pro la lingvo komuna al ĉiuj helpantinoj kaj helpatinoj !

La Delegito-Konsulo ankaŭ elektos en sia urbo, ĉefe en universitataj urboj, konsulon por junuloj kaj speciale por studentoj. Tiu havos plej gravan utilecon. Oni konsentas, ke malgraŭ la pliperfektiĝo de la metodoj por instrui vivantajn lingvojn, malgraŭ la laŭditaj rezultatoj de la senpera Berlitz'a metodo, la plej bona maniero, se ne la sole bona maniero por lerni naciajn lingvojn estas restadi en la lando mem. Pro tio, granda nombro da junuloj apenaŭ elirintaj el la lernejoj forvojaĝas eksterlanden. Sed kiu povas pretendi ke. eĉ post 6-7 jaroj de lernado en gimnazioj, juna studento kiu ĵus elŝipiĝis ekzemple en Southampton povos sin kompreniĝi al la enlanduloj kaj precipe ilin kompreni? Kaj ankaŭ kiu ne scias kiom da danĝeroj timas la gepatroj, precipe la patrinoj — demandu pri tio precipe la timemajn francajn patrinojn — sendante siajn idojn en nekonatan landon ? Por la jenaj anoj de U. E. A. tiuj timoj de la gepatroj ne plu ekzistos. Ili rekomendos siajn filojn al nia delegitokonsulo, diros al ili siajn dezirojn ; tiu ĉi per la helpo de la konsulo por junuloj, zorgos por ke la alvenanto trovu pensionon ĉe serioza familio, prezentos lin al junaj esperantistoj de sia urbo, kun kiuj, per nia Esperanta lingvo, li povos tuj babiladi, informiĝi pri la lokaj kutimoj kaj moroj, ricevi konsilojn pri la lernado de la enlanda lingvo, kaj iom post iom alkutimiĝi al ĝia uzo. La Konsulo por junuloj helpos al ili por trovi oficon kaj oni povas antaŭvidi ke, tre baldaŭ, la komercistoj, firmestroj, k. c., kutimiĝos konigi al la Delegitoj de U. E. A. kiujn oficistojn ili bezonas. En la universitataj urboj la Konsulo por junuloj estos prefere studento ; li plej utila estos al la komitato por helpo al fremdaj studentoj kiu ekzistas en multaj universitataj urboj. Fine li povos instigi la fondon de studentoklubo esperantista kaj la kreon en ĝi de kurso de la enlanda lingvo per Esperanto, kiel jam oni tion sukcesplene provis en la Dijona Universitato.

Estos antaŭ kreata laŭ la bezonoj speciala konsulo por doni informojn al la komercistoj kaj industriistoj, trovi al ili reprezentantojn, k. c., kaj en marhavenoj konsulo por ĉio kio rilatas marajn aferojn.

Memkompreneble nenia delegitoj tute ne devas esti timigitaj per la multeco de la supreciitaj konsuloj. Plej ofte, almenaŭ en la komenco unu sola persono, tre ofte la delegito mem, prenos sur sin la tutan laboron aŭ grandan parton de ĝi, li elektos konsulojn por kunlabori kun li en la diversaj fakoj, nur kiam la cirkonstancoj permesos tion ; tamen estas dezirinde ke li baldaŭ elektu *konsulinon por virinoj*. La elektado de tiuj diversfakaj konsuloj estos speciale facila en la lokoj kie ekzistas jam pluraj konsuloj. La delegito nur bezonos sin turni al ili petante ke ili bonvolu fariĝi konsuloj de U. E. A. Ni havas fidon, ke la plej granda nombro da ili, komprenante kiun utilon ili ricevos de sia aliĝo al nia asocio, per kiu ili plej facile povos rilatiĝi kun la aliaj konsuloj de la tuta mondo kaj kun la personoj kiuj bezonas iliajn servojn, ne ŝanceliĝos akcepti tiun proponon de niaj delegitoj ; cetere tiun proponon ankaŭ subtenos tre certe la grupoj kiuj bonvolis elekti delegitojn por nia Asocio.

Ni do povas firme esperi, ke post malmulte da tempo, nia U. E. A. havos konsulojn kiuj estos dissemitaj sur la tuta tero, kaj ke dank' al ili ĉiu ano de U. E. A. povos ricevi ĉie bezonatajn informojn kaj helpon. Sed por la tre baldaŭa alveno de tiu tempo, ni denove petas niajn legantojn ke ili bonvolu ĉiumaniere helpi al ni por la efektivigo de nia plano, ĉu akceptante rolon de konsulo se iu delegito tion al ili proponus, ĉu diskonigante la ekzistadon de la konsuloj, ĉu uzante iliajn servojn.

Th. ROUSSEAU.
*Helpkomitatano por fako IIIa.*

[1]) Vidu « ESPERANTO » noj 28, 29, 30, 31.

# TRA LA MONDO

## AŬSTRIO

Praho, majo 1908.

En Praha estis la 14an de majo dum ĉeesto de la kronprinco kaj multaj ministroj malfermita granda komerca kaj industria ekspozicio, kiu daŭros ĝis novembro. La ekspozicio estis titolita jubilea, ĉar feliĉe du jubileoj kuniĝis : la 60a jaro de regado de nuna imperiestro Francisko Jozefo I, kaj la fino de la preskaŭ centjara proceso de reviviĝo de la ĉeĥa nacio. Antaŭ 100 jaroj la ĉeĥa nacio preskaŭ ne ekzistis. En ĉefurbo de la regno oni parolis germane, Praha estis centra de tiama germana burĝa liberalismo, sidejo de framasona loĝio, entuziasma aplaŭdanto de Mozart. Ceĥoj estis tiam nur iom da entuziasmaj patriotoj. Ili estis homoj malriĉaj, nekonataj. Nun oni nomas ilin vekigintoj de la nacio, tiam oni nomis ilin utopiistoj ; ĉar ŝajnis nepoveble revivigi nacion preskaŭ mortan, nacion kies plej bonaj filoj estis en jaro 1620 elpelitaj el la patrujo, nacion forgesinan sian tradicion kaj gloran historion, nacion sen povo, havo, literaturo. Kaj nun naŭ dekonoj de la ekspoziciantoj estas ĝiaj firmoj ĉeĥaj, kvankam la ekspozicio estas ĉeĥa-germana. Do la miraklo okazis. Nun la nacio havas literaturon, universitaton, komercon, industrion, monon kaj povon. Sekve ĝi komencas esti nacio plenrajta kaj nenia miro, ke ĝi jubileas. Feliĉe la nacia jubileo koincidas kun imperiestra jubileo, ĉar la reviviĝo de la nacio fariĝis ĉefe dum la 60 jaroj de lia regado. La ekspozicio estas rerigardo de la finita laboro. Ĝi signifas la finon de la reviviganta proceso, komencon de la nova epoko, ĉar la nacio fariĝas atakanto batalanta por ricevi prirajtajn firmajn poziciojn en tutmondaj celadoj.

La ekspozicio havas signifon internacian. Ne pro tio, ke ĝi ekspozicias laboron de la tuta mondo, sed ĉar en ĝi prezentas la ĉeĥa nacio sian industrion al la tuta mondo. La komitato, kies progresemo estas videbla ankaŭ el tio, ke ĝi eldonis esperantajn reklamilojn, invitis ĉiujn naciojn per efika reklamo, kaj krom tio sukcesis al ĝi aranĝi en Praha diversajn internaciajn kongresojn precipe internacian kongreson de komercaj ĉambroj. La ekspozicio estas aranĝata de tre potenca korporacio, nome komerca kaj industria ĉambro de Praha. En Aŭstrio la komercaj kaj industriaj ĉambroj ne estas nur privataj asocioj de la komercistoj, sed oficialaj korporacioj fonditaj kaj regataj laŭ specialaj leĝoj. Ilia rajteco estas leĝe fiksita kaj neordinare vasta tiel, ke komerca ĉambro en kelkaj aferoj estas administra ŝtata ofico. Ĉiuj komercistoj kaj industriistoj en ĝia distrikto estas leĝe devigitaj partopreni je ĝi kaj pagi por ĝiaj celoj difinitan imposton. En Praha apartenas al ĝi 110.000 komercantoj. La ĉambro de Praha estas inter la plej grandaj en Aŭstrio, ĉar la impostoj komercaj kaj industriaj el ĝia distrikto riprezentas preskaŭ 1/7 de impostoj de la tuta Aŭstrio. La produktado de distrikto de Praha estas tre riĉa kaj tre diversa. Granda nombro de entreprenoj estas la plej grandaj en Aŭstrio, kelkaj plej grandaj el la tuta Eŭropo. Ekz. estas en tiu distrikto la plej grandaj sukerfabrikejo, alkoholfabrikejo, vagonfabrikejo, fabrikejoj de linoleumo, tolajo, laktajoj, keramiko, la dua brasejo, gravaj entreprenoj metalurgiaj. Krom tio ekzistas diversaj branĉoj industriaj, kiuj estas specialaj al Praha. Ekz. monde konataj ŝinkoj kaj kolbasaro de Praha, gantoj, granataj juveloj kaj piedvestaĵoj. Ankaŭ komerco de Praha estas grava kaj estas tie ĉi firmoj de unua rango tutmonde konataj. Kiel centro de bankoj Praha sukcese konkurencas kun Wien. Kompreneble Praha estas ankaŭ sidejo de diversaj organizajoj komercistaj kaj industriistaj ; instruado komerca kaj industria povas esti modelo por aliaj ŝtatoj. Kaj ĉiuj ĉi grandaj fortoj ekonomiaj kuniĝis por fari grandegan ekspozicion.

La aranĝo de l'ekspozicio estas bona kaj sufiĉe originala. La diversaj industrioj estas montrataj en memstaraj pavilonoj, kiuj estas kunigitaj en grupojn pli grandajn laŭ simileco de la industrioj. Tiel la vizitanto povas trairante la ekspozicion konstrui al si ĝeneralan bildon de historio kaj nuna stato de la koncernata industrio. La plej interesa estas maŝinejo, kiu estas grandega kaj kiun multaj el tutmondaj ekspozicioj povus al ni envii ; tio ne mirigas, ĉar Praha estas hodiaŭ grava centro de maŝinfabrikado.

Ankaŭ la vizito de la ekspokicio estas tre kontentiga kaj la aranĝantoj povas esti fieraj je la sukceso. Do je revido, samideanoj, en Praha. La ĉeĥa nacio fariĝas atakanto. Tial do ne timu veni, ĉar venkantoj en kultura batalo ĉiam estas ĝoje salutataj de bonaj homoj. Eĉ la venkitoj aplaŭdas ilin. S. K.

## FRANCUJO

Parizo, Majo 1908.

La 3an kaj 10an de Majo okazis en Francujo la ĝeneralaj balotoj de la komunumaj konsilantaroj. En multaj lokoj, tiuj balotoj ne prezentas politikan intereson, aŭ pli bone la diversaj politikaj partioj estas nur etiketoj, kiuj kaŝas pure lokajn aferojn. Tamen, ĉefe tiun lastan jaron, en la urboj iom grandaj, la politika batalado, kies konstanta teatro estas la Parlamentejo, samaniere dividis la elektantaron. Resume kaj tre neprecize la situacio estas jena : tute dekstre staras la diversaj konservativuloj sub diversaj nomoj, kiel liberaloj, nacionalistoj, aŭ eĉ pure monarkiaj ; centre, la tiel nomataj respublikanoj progresistoj, kiuj lastatempe tre ofte voĉdonis por la ministraro, sed estas kontraŭ la socialist-

emaj reformoj, maldekstre la vere registaraj partioj, enhavantaj respublikanojn, radikalojn, radikal-socialistojn kaj socialistojn sendependajn, kvankam iafoje la du lastaj grupoj parte voĉdonis kontraŭ la registaro; fine, tute maldekstre la socialistojn « unuigitajn ». En la plej multaj lokoj la registaraj partioj batalis solaj kontraŭ la tri aliaj ; ofte, la progresistoj kuniĝis kun la registaranoj kontraŭ la socialistoj, ĉefe kiam tiuj lastaj estis ĝis nun la pli multaj ĉe la urbregistraroj. Preskaŭ ĉie. la socialistoj estis izolataj ĉe la dua baloto, dum en la estintaj jaroj ili je la dua baloto voĉdonis por registaranoj kaj progresistoj kontraŭ. Al la fremdaj legantoj tio ŝajnos eble komplika, sed ili ne tro enprofundiĝu en tio, ĉar tiuj diversaj partinomoj ofte ne respondas al iliaj veraj signifoj. En la realeco, ĉe la plej granda parto de la lokoj, la batalo estis inter socialistoj kaj antisocialistoj, aŭ por uzi ne veran sed ofte diritan esprimon inter patriotoj kaj antipatriotoj. Difini la rezultatojn estas ne facile. Laŭ la statistikoj la registaraj partioj venkis preskaŭ ĉie kie ili ĝis nun estis pli multaj kaj gajnis multajn novajn lokojn, ĝis nun estritajn ĉu de konservativuloj, ĉu de socialistoj. Estas nedubeble, ke el ĉiuj partoj la socialistoj estis la malplej feliĉaj, pro tio ke ili unuafoje batalis kontraŭ tuta kunligo. Ili malgajnis lokon en kelkaj gravaj urboj kaj en Parizo. En ĉi tiu lasta la nacionalistoj daŭras esti forta malplimulto. Okaze de la Parizaj balotoj, ni havis la plezuron vidi unuan provon praktikan de feminismo, en persono de gracia kandidatino, kiu ricevis ŝatindan kvankam ne sufiĉan nombron da voĉoj. Tio estis la plej interesa epizodo de la balotoj.

Nun, la ministraro refortigita per tiu popola aprobo, sin denove kuraĝe prezentas al la Parlamento, kiu rekomencis diskuti pri la laŭrenta imposto, kaj baldaŭ priparolos la demandon pri la reaĉeto de la Okcidentaj fervojoj.

La leĝo pri la ekleziaj « mutualoj » aŭ asocioj, kiuj celis anstataŭi la « kultajn asociojn », rifuzitajn de la katolikoj, ne havis pli feliĉan sukceson ol ĉiuj koncesiaj leĝoj voĉdonitaj de post la apartigo de la eklezio el la ŝtato. La Papo jus sciigis, ke la katolikoj ne povas akcepti tiun leĝon, kaj, esprimante tion, li estas tute logika rilate al siaj antaŭaj decidoj. Kio nun okazos ? La laŭleĝa solvo estus la fermo de la preĝejoj, sed ĉi tio certe ne okazos, ĉar ĝi estus signo de nova terura batalado kaj agitado. Oni trovos alian solvon, proponos novan koncesian leĝon, aŭ pli bone faros nenion. Tiuj okazajoj ruinigas la pastraron, kaj kontraŭe multe profitas al la ĉiuspecaj kongregacianoj, kiuj fariĝas la veraj estroj de la franca eklezio katolika. Oni ne kredu, ke tiuj aferoj kaŭzas maltrankvilon aŭ ĉagrenadon : nun kiel antaŭe la preĝejoj estas vizitataj de multaj fideluloj kaj la ceremonioj estas neniel difektitaj de tiu disfalado de la eklezio en Francujo.

Jus mortis fame konata poeto kaj verkisto François Coppée. Li skribis diversajn sukcesajn teatrajojn, romanojn, novelojn, sed ĉefe de liaj poeziajoj venas lia famo. Li bonege priskribis la morojn de la humiluloj, iliajn pensojn kaj kaŝatajn virtojn. Coppée estis fervora katoliko de kelkaj jaroj. Al la Esperantistoj mi rememorigos, ke peco de Coppée, nomata « Unua ĉapitro de miaj memorskriboj » estis tradukita de nia samideano Montrosier ; la libreton malfermis antaŭparolo de Coppée favora al Esperanto. B. T.

## Kroniko Politika

La Marokaj aferoj malgraŭ ĉio ne sukcesas elvoki daŭran atenton de la publiko kaj ankoraŭ ne produktis ian gravan diplomatan okazajon. La vojaĝo de la senditoj de sultano Moulaï-Hafid tra la diversaj Eŭropaj kortegoj verŝajne ne havos pli da sukceso, kvankam la diritaj senditoj bonveniĝos en Berlino. Sed dume la tiel nomata reordigo de la Marokaj aferoj ne faris ian progreson, kaj ĉiutage la atakoj de armitaj bandoj kontraŭ la francaj korpusoj montras, ke la pacigo de la lando tute ne efektiviĝas.

La demando pri Kongolando kvankam tiel grava nun ne estas kaŭzo de internaciaj komplikajoj. Antaŭ ol reaĉeti la diritan regionegon, la Belga popolo devis baloti parton de sia Parlamento kaj la dirita demando havis gravan rolon en la batalo. La maldekstrumaj partioj multe klopodis por atingi se ne la plimulton — kio ŝajnas nun neebla — sed almenaŭ kelkajn lokojn ĝis nun konservativajn kaj, ŝajnas laŭ ricevitaj rezultatoj, ke ili parte sukcesis.

Nun resonas novaj kantoj por la amikeco Anglo-franca. Ekspozicio rezervita por la du korligitaj landoj jus malfermiĝis en Londono kaj prezidanto Fallières inaŭguris sian vojaĝaron tra la diversaj Eŭropaj ĉefurboj per vizito al Anglujo.

Dume, en Francujo regas politika trankvilo. La decido de la Papo ne akcepti la jusan leĝon pri la katolikaj « mutualoj » tamen kreos novajn malfacilajojn internajn, plimalpli fruajn.

En Rusujo, la Dumo, kutime tiel konsentema, rifuzis voĉdoni la kreditojn necesajn por kreo de nova militŝiparo, antaŭ ol la administrado de la maristaj aferoj estos plene reordigita. Cara ordono jus decidis tiun reorganizon, kiu laŭ la montroj de la lasta milito estis pli ol necesega.

Fine, transirante longan interspacon, ni atentigu pri novaj tumultoj kaj komplotoj en Hindujo kontraŭ la nunaj aŭtoritatoj. Jen plia signo pri la iompostioma transformiĝo de la Hinda popolo kaj ĝia deziro al pli memstara vivo. A. R. P

## La Faktoj

*1. Majo. — Parmo.* — Komenco de ĝenerala striko de la terkulturistoj.

*Napolo.* — Fermo de l'internacia Kongreso de pozitivismo.

*2. Budapeŝto.* — Morto de Generalo Türr.

*Peruo.* — Revelucía movado.

*3. Romo.* — Inaŭguro de la $9^a$ respublikana Kongreso.

*Peterburgo.* — Edziĝo de princo Vilhelmo de Svedujo kun rusa princino Mario Paulowna.

*Teherano.* — Eksiĝo de la ministraro.

*Calcutta.* — Eltrovo de komploto kaj revolucia organizo.

*4. Indujo.* — Ribeloj ĉe la Afgana landlimo.

*Praha.* — Morto de Aerold, prezidanto de la nacia ĉeĥa konsilantaro.

*5. Pstrio.* — Vizito de la germana imperiestro.

*6. Lisabono.*—Proklamo de Emanuelo kiel reĝo de Portugalujo.

*7. Vieno.* — Kunveno de la germana princaro por la jubileo de Francisko Jozefo.

*Kontantinoplo.* — Konflikto kun Francujo pro la karbminejo de Herakleo

*Parizo.* -- Morto de l'fama komediverkisto Halévy.

*Tokio* — Subskribo de la traktato por arbitracio usona-japana.

*S-Francisko.* — La Usona ŝiparo eniras en la havenon.

*9. Montenegro.* — Ekfondo de l'nova urbo Antivari.

*Innsbruck.* — Krizo ĉe la Universitato.

*Berlino.* — Alveturo de la senditoj de Mulaï-Hafid.

*11. Waŝingtono.* — Parolado de Roosevelt ĉe la unua ŝtonlokigo por la palaco de la oficejo de la amerikaj respublikoj.

*12. Portalegre.* — Sanga konflikto inter hispanaj kaj portugalaj soldatoj.

*15. Albanico.* — Bando de Albanaj rabistoj rabadas la havenon Senti Quaranta.

*18. Budapeŝto.* — Inaŭguro de internacia aŭtomobila ekspozicio.

*19. Vieno.* — Inaŭguro de ekspozicio de Arĥitekturo.

A. Tellini.

## Niaj enketoj

### La juĝa organizado en Unuigitaj Ŝtatoj.
### (Internacia Societo de la Esperantistaj Juristoj)

IV.

En la Unuigitaj Statoj ekzistas 46 apartaj, sendependaj Statoj, ĉiu el kiuj havas sian propran regionon kiu devas esti respublikana. La Unuigitaj Statoj estas unuigo de tiuj ĉi Statoj, sed posedas ankaŭ multajn teritoriojn kaj diversajn koloniojn, kiuj povas estonte fariĝi ŝtatoj. La Unuigitaj Statoj traktas nur pri aferoj naciaj, kiuj estas ordonitaj en ĝia konstitucio kaj ĝi havas nenian rajton trakti pri io ajn alia. La Statoj kontraŭe traktos nur pri hejmaj kaj lokaj aferoj, ĉiu en sia propra teritorio aŭ limo. Ekzistas do regno de la Unuigitaj Statoj kies regnestro estas la Prezidanto, kaj aparta regno en ĉiu ŝtato, kies regnestro estas nomita Regestro (Governor), kaj ĉiu havas sian propran sistemon de parlamento, kaj de juĝistaro, tiu traktanta nur pri aferoj naciaj, kaj tiu ĉi nur pri aferoj apartenantaj speciale al la Stato (1). La Angla leĝa sistemo estas ĉie la fundamento de la Amerikana leĝoscienco, krom en la ŝtato Louisana, kie superas la Roma leĝo.

#### La juĝistaro.

La juĝistaroj iom similas tiujn en Anglujo. La plej malsupera nomita « Juĝisto de la Paco », traktas nur pri malgrandaj aferoj, kiuj koncernas disputadojn pri sumoj malpli ol 615 spesmiloj. La Statoj estas dividitaj en graflandoj, ĉiu el kiuj havas juĝistaron kun unu aŭ pli da juĝistoj. En tiu ĉi juĝistaro komencas ĉiuj procesoj kiuj ne devas komenci antaŭ la juĝisto de la paco. La proksima pli alta juĝistaro enhavas unu aŭ pli da graflandoj laŭ la loĝantaro. La plej alta juĝistaro en ĉiu ŝtato estas nomita la « Supreme Court » (suprim Kort), aŭ « Court of Appeals » (Kort of Eppilz), kaj havas la ultiman rajton por elparoli la signifon de la leĝo kaj fine decidi ian disputadon. Ĉu korekte aŭ ne, ĝia decido estas neerarebla, tial ke ĝi havas la lastan devenon. Tamen se ia ero de disputado rilatas al afero nacia, oni kompreneble povas alvoki la decidon de la « Supreme Court » de la Unuigitaj Statoj, sed ne alie. Disputadoj inter ŝtatoj kaj inter regnanoj de malsamaj ŝtatoj apartenas al tiu ĉi juĝistaro.

(1) Kompreneble ni ne povos trakti la juĝan sistemon pri ĉiu el la 46 ŝtatoj, kiuj cetere inter si multe similas : nur ni havos du artikolojn, la unua pri Ohio, la dua pri Massachusett.

*Organizado.*

Amerikanaj juĝistaroj havas juĝistojn (unu aŭ pli) ; — juĝantarojn (grandaj kaj malgrandaj) ; skribiston kaj deputatojn ; — skabenon ; — kaj advokatojn.

La granda juĝantaro havas 15 jurintojn, kiuj kaŝe esploras pri krimoj, raportante al la juĝistaro nur siajn kulpigojn. La juĝisto de la paco faras antaŭajn esplorojn pri iu kulpigita kaj raportas al la granda juĝantaro, kiu traktas nur pri krimoj kaj krimuloj.

La malgranda juĝantaro konsistas el 12 jurintoj, kiuj sidas en la juĝistaro kaj devas decidi unuvoĉe ĉiun proceson, se ne alia esploro fariĝas necesa, ĝis estas atingita unuvoĉa decido de alia juĝantaro. La rajto havi esploron de juĝantaro estas absoluta precipe pri krimaj aferoj, kaj egale tiel pri civilaj aferoj ordinare, krom en procesoj kiuj estas eksteraj de la Angla komuna leĝo.

*La skribisto.*

La skribisto de la juĝistaro protokolas ĝiajn procesadojn, registras ĝiajn decidojn, kaj atestas la samajn, k. t. p.

*La skabeno (sheriff).*

La skabeno estas la brako aŭ ilo de la juĝistaro kaj efektivigas ĝiajn ordonojn. Li ankaŭ liveras la citojn al defendantoj kaj atestantoj. Li arestas la kulpigitojn kaj gardas ilin en malliberejo se necese. Li ekkaptas la bienon de la defendanto kiam ĝi estas postulita kaj vendas publike la samon. Li administras la malliberejon kaj zorgas pri la malliberuloj, nutrante ilin.

#### Advokatoj.

Advokatoj konsistas nur el unu klaso aŭ grado, kaj ili estas permesitaj praktiki sian profesion antaŭ ĉiu juĝistaro. Severa ekzameno devas esti sukcese entreprenita por fariĝi advokato kaj juĝistaro. Pri pagoj kaj honorarioj al la advokatoj estas permesite interkonsenti kun iliaj klientoj kaj oni ofte riĉevas procenton el la kompensajo de 10 al 50 %, sed sen interkonsento la advokato havas la rajton peti nur rezonan kompenson por sia laboro kaj servado. Advokatoj estas la nura klaso de urbanoj kiu komprenas tute plene nian sistemon politikan kaj tial ili fariĝas niaj politikistoj kaj havas grandan influon pri publikaj aferoj kaj okupas la plej gravajn oficojn. Ekzemple : prezidanto, regnestro, ministraranoj, k. t. p.

*Notarioj.*

La notario estas tre negrava oficisto. Li aŭdas kaj transskribas la personan evidentecon por juĝistaro — certigas oficialan kaj privatan dokumentojn kaj protestas kambiojn kaj ŝuldatestojn pro nepago, sed li havas nenion ajn fari pri la disdono de heredoj.

*Procesoj.*

La metodo de procesado en juĝistaro estas simpligita dum la lastaj sesdek jaroj. La plendanto prezentas skribe sian plendkaŭzon kontraŭ la defendanto, uzante simplajn kaj neteknikajn vortojn, kaj la defendanto simile faras sian respondon kaj poste la plendanto povas fari respondon, tiamaniere ke la preciza punkto de malpaco estas certigita kaj la afero pretiĝas por esplorado, aŭ de la juĝisto aŭ de la juĝantaro, post la argumentoj de la advokatoj.

En krimaj procesoj la kulpigito devas esti konsiderita senkulpa ĝis la evidenteco konvinkas la juĝantaron ke li estas kulpa. Cetere, la kulpigito neniel estas devigata atesti kontraŭ si mem, aŭ konfesi sian kulpon.

W. M. Ampt,
*Attorney at Law* (2).
*Vic-prezidanto* I. S. E. J. *por Usono.*
Cincinnati (Ohio).

(2) « Attorney at Law » signifas advokaton, solicitoron kaj leĝiston, ĉio en unu, en Usono, sed ne en Anglujo kie tiuj ĉi funkcioj estas apartaj.

## ESPERANTO

## MOVADO ESPERANTISTA

### Notindajoj.

*Britujo :* La Brita Esperanto-Asocio translokiĝis en novan vastan ĉambraron 133-137 High Holborn, London ; ĉiuj samideanoj invitataj. En diversaj gravaj duarangaj lernejoj oni nun instruas Esperanton ; al nia lingvo interesiĝas nun multaj instruistoj.—*Danujo :* En Kopenhago okazas nun du kursoj specialaj por policanoj. — *Francujo :* Tridek grupoj de la Pariza regiono organizis sukcesegan feston en la halo de la « Journal » ; muzikajoj, originalaj teatrajoj, paroladoj, k. t. p. Oni baldaŭ fondos Federacion de la Grupoj de la Pariza regiono. Tiuj federacioj regionaj cetere plimultiĝas ; oni projektas tiajn en norda, centra kaj okcidenta Francujo. Festoj plensukcesaj en Meaux, Beaune, Amiens, Charenton, Calais ; sukcesa ekskurso al Folkestone, k. t. p. La plej ĝojiga agado montriĝas nun en tiu lando. — *Germanujo :* La lasttempaj kursoj liveris tre kontentigajn rezultatojn ; en Düsseldorf, la grupo havas plej korajn rilatojn kun najbarlandaj grupoj kaj partoprenas en iliaj festoj per sendo de delegitoj. En tuta Saksujo tre vigla propagando. — *Polujo :* La movado kontentige progresas. En Varsovio, okazis grava parolado de fama lingvistikisto Baudin de Courthenav tute por la nuna Esperanto. — *Rumanujo :* Aperis nova Rumana zorge farita revuo. Granda intereso montriĝas por Esperanto, ĉefe ĉe la altaj rondoj. — *Svedujo :* Unua sveda kongreso esperantista okazis en Stockholm, kaj plene sukcesis. Oni esprimis deziron por ke la $5^a$ kongreso okazu en Svedujo. Okazis grava parolado de eminenta latinisto Bergmann. — *Svisujo :* Okazis en Genevo plensukcesa Esperantista Festotago, je kiu ĉeestis multaj Esperantistoj de la ĉirkaŭa regiono. — *Usono :* La Usonaj Esperantistoj havos vastan nacian kongreson en la ĉie konata instituto Chantagua, kie kunvenas samtempe pli ol 1000 Usonanoj. La kongreso daŭros kvar tagojn kaj promesas esti tre fruktoporta.

### Esperantista statistiko.

El la nova eldono de la jus aperinta *Esperantista societaro* ni ĉerpas la jenajn ciferojn, kiuj montras la progresojn de Esperanto dum la lasta tempo $1^e$). *Nombro de l'grupoj.* Afriko 9 (6) [1], Ameriko 83 (69), Azio 20 (16), Eŭropo 631 (542), Oceanio 10 (6) — Tutmondo *865* (639); $2^e$) *Konsulejoj, Informejoj, Oficejoj.* Tutmondo 232 (170) ; $3^e$) *Fakaj societoj* 69 (61) ; $4^e$) *Esperanta gazetaro* 44 (36).

### Bibliografio.

*Esperantista societaro* (centra oficejo, Parizo ; $4^e$ eldono) — *Provo de Marista Terminaro* (verkita de kompetentuloj sub direktado de S-ro Rollet de l'Isle (eldonejo : Hachette & Cie, Parizo) — *Formulo pri malarmo* (de O. Umfried, trad. P. Christaller ; 15 Sd. Libraro Pacifisma). — *Malnovaj paĝoj* (kolekto de plej bonaj prozajoj aperintaj en Lingvo Internacia dum 1896 ; eldonejo : Presa Societo.— *Nova Terapio de Diabeto* (kuracejo por diabetuloj, Kœtzchenborda-Dresden). — *Kuŝas somero...* (muzikajo de De Menil Eldonejo : Hachette & Cie. — *Esperanto* (Kvarvoĉa kanto. Eldonejo : Brita Asocio, Londono).

El Presa Societo, Parizo : *Esperantaj Perleroj* (3 serioj, ĉiu po 1250), kolekto de elektitaj literaturajoj aperintaj en malnovaj Noj de « Lingvo Internacia » ; *Plej gravaj ĉefverkoj de la Eŭropaj muzeoj* (bela albumo de 10 poŝtkartoj ; 40 Sd). — *Abelo Esperanta* (scienca skizo de A. Tellini)

### $IV^e$ Kongreso

*Kongresbileto*: 5 Sm. (Bankhaus von Geb. Arnhold, Waisenhausstr, 20 Dresden. *Teatrajo* : La alvoko por la teatrajo ricevis bonan sukceson. Tiu grava entrepreno estas tute helpinda. Por loko, sendu tuj mendon kun 10 Sm. al S-ro 7, Borel, 95 Prinznnstr. Berlin S. S-ro Reicher. klopodas por atingi kiel eble plej perfektan ludantaron ; la ĉefa rolo estos plenumata de la fama aktorino Fino H. Reicher. *Programo* : La definitiva programo estos starigata en Majo. La enloĝigo de la fremduloj estos arangata kun la helpo de Verkehrsverein. Oni arangos komunajn manĝojn kiel en Cambridge kaj eldonos por tio kuponarojn. La kongreskartoj estos tuj sendataj al la pagintoj. Krom la teatra prezentado, okazos ekskurso al Meissen, vizito al Albrechsburg kaj al la reĝa porcelanfabrikejo kaj diversaj festetoj kaj promenadoj. La 24, 25. $26^{an}$ de Aŭgusto okazos vojaĝo kaj vizito al Berlino kaj Potsdamo — Oni rapidu sendi sian aniĝon por la kongreso ; rilate al la vojaĝoj, oni konsultu la oficialan parton de U. E. A.

### Gazetaro.

*Rumana esperantista* (Oficiala organo de la Rumana Esperantista Societo). — *Esperanta Internacia revuo* (monata bulteno ; Budapest, Ulloï-ut 59). La *Ruslanda Esperantisto* kuniĝis kun la bela revuo *Espero*, Kiu regule aperas en rusa kaj esperanta lingvo, kaj enhavas riĉan materialon. — *Jara Revueto de la Esperantista Grupo de Beaune* (tre interesa resumo pri la agado de tiu grupo en la lasta tempo).

## Vizito ĉe la Internacia Esperanta Paradizo

Blua ĉielo ! Varme brilas la printempa suno. Juna verdajo ornamas la teron. En la bonodorantaj arbaroj la birdoj kantas aman kanton kaj la fruktarboj montriĝas en plej festa vestajo. Nova vivo trafluegas ĉiun estajon. Eĉ la spegulklara lago ŝajnas senti printempan feliĉon ; ĝi afable ridetas, kaj ondo karesas ondon tiel fervore ke blanka ŝaŭmo gaje alten ŝprucas, kvazaŭ arĝentaj kronoj ornamus la moviĝantan suprajon. La vaporŝipo jus forlasinta Lucernon estas plena je ĝojaj vojaĝantoj ; apud la zorge vestita anglo, sidanta sur verda benko kaj atente admiranta la ĉarmajn lagbordojn per lia lorneto, grupo da vigle gestifantaj germanoj iom tro laŭte babiladas. En la antaŭa parto de l'ferdeko gaja arego da lernantoj bruege kantas : « Von ferne sei herzlich gegrüsst, du stilles Gelaände am See » (De malproksime mi salutas vin, trankvila kamparo ĉe la lago). La ŝipo ĉiam antaŭen naĝadas, blankan ŝaŭmsulkon fosas en la blua, travidebla suprajo. Jen la bela silueto de Lucerno iom post iom plimalgrandiĝas ; dekstre la fiera monto Rigi malsupren salutas ; insuleto, ornamita per pentrinda ruino, rapide preterflugas ; dekduo da arĝente brilantaj mevoj sekvas la ŝipon, senlace, senhalte. Sur la maldekstra bordo jen la ĉarmega kastelo Nova Habsburg, iama somerstacio de la grafoj de Habsburg, la fieraj praavoj de multe da imperiestroj kaj reĝoj. Senintermanka vico da allogaj viloj, pentrindaj dometoj kaj de malproksime videblaj hoteloj, ornamas la tutan lagbordon.

« Stop ! » la ŝipestro krias tra la voĉtubo, « Malantaŭen ! » « Halt ! » « Hintermeggen ! » Ĉe la albordeja ponto la verda flago gaje flirtas la bonvenon. La tri unuaj Esperantaj vizitantoj alpaŝas la belan deklivon, de kiu malsupren salutas la Internacia Esperanta Paradizo. Rapide ili trairas la grandan ombrozan Parkon. « Jen, vere estas Paradizo », diras la plej juna : « Vidu tiujn grandajn pinojn, la belegan florbedon ! Jen, apud la vasta ludejo, vigla ŝprucfonto disverŝas sian blankakvon, miloj da gutetoj brilas en la hela sunlumo kaj rejetas tutan kolorarkon ! »

Sur la sojlo nin atendas la afabla hotelistino, la ĉefa anĝelo kaj ĉie zorganta feino de nia Paradizo. Gaja rideto — je tio vi ĉiam ŝin ekkonos — kuŝas sur la ĉarma vizaĝo. « Bontagon, sinjoroj, kaj bonvenon en nia Paradizo ! »

Pli malfrue, kara leganto, mi volonte al vi rakontos pri la feliĉaj tagoj, kiujn ni travivis kun afabla samideanaro en nia komuna, kara Paradizo. J. Schmid, Berno.

[1]) La ciferoj inter krampoj rilatas al la dato 30 junio 1908, la aliaj al la dato 31 decembro 1908.

★

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

FAKO 1a. — **Administrado**

*Cirkulero Ia*. — En la komenco de ĉi tiu monato ni sendis la Ian cirkuleron de fako Ia al ĉiuj U. E. A. Delegitoj, kiuj bonvolu diligente klopodi por la plenumo de la diversaj punktoj traktitaj en ĝi. La Delegitoj, kiuj ial ajn, ne ricevis ĝin bonvolu tuj nin sciigi kaj konigi sian precizan adreson. Por plej trafe konigi U. E. A. kaj ricevi aliĝojn, ni konsilas al niaj Delegitoj, ke ili klarigu la aferon kaj varbu anojn dum la kunvenoj de sia grupo. Al la Esperantistoj, kiuj ne ĉeestis tiajn kunvenojn, ili bonvolu poŝte sendi aliĝilojn. Ni senpage sendos provizon da aliĝiloj al ĉiuj personoj, kiuj tion petos. La Delegito estas petata meti sian adreson sur la aliĝiloj sendataj de li.

La ekzisto de *subdelegitoj* en kiel eble plej multaj lokoj de sama regiono estas plej grava por la vastiĝo de U. E. A. Dank'al tiu organizado, ĉiu izola Esperantisto povos utili kaj proponi servojn al la anoj de U. E. A. En nia proksima No, aperos speciala alvoko pri tiu demando.

*Aliĝoj*. — La personoj, kiuj deziras aliĝi al U. E. A. kaj loĝas en lokoj, kie ne estas ankoraŭ Delegito aŭ Subdelegito, bonvolu senpere sendi al ni sian aliĝon kun la kotizajo (24 Sd). Ni tuj sendos al ili membrobarton kaj zorgos por ke en ilia loko aŭ proksime al ĝi estu Delegito aŭ almenaŭ Subdelegito.

*Pago de l'kotizajoj*. — Por faciligi la pagon de la kotizajoj al U. E. A., estas tre dezirinde, ke ĉiu ano povu elpagi sian kotizajon ĉe la Esperanto-Oficejo de sia loko, ĉar tio evitas senutilan klopodon kaj poŝtelspezon. La Delegito bonvolu zorgi pri tio. Sufiĉas meti ĉe la Esp.-Oficejo kajeron sur kiu ĉiu aliĝanto skribos sian nomon kaj adreson pagante 24 Sd.

*Insignoj*. — En nia venonta No, ni verŝajne povos aperigi kelkajn sciigojn pri la insignoj de U. E. A., kiujn ĉiu ano povos aĉeti per la Esperanto-Oficejo de sia loko. La Delegitoj havos specialan insignon.

*Novaj grupaliĝoj*. — En tiu semajno cirkulero estis sendita al ĉiuj ne ankoraŭ aliĝintaj grupoj por konigi al ili la kreon de U. E. A. kaj peti ilian aliĝon, en la okazo se ili aprobas la celon de U. E. A. Al ĉiuj novaj aliĝintaj grupoj, ni sendos tuj la jam aperintajn dokumentojn pri U. E. A. Por faciligi nian agadon kaj igi ĝin kiel eble plej internacia, estas dezirinde, ke aliĝu multaj novaj grupoj. La grupestroj, kiuj ne ricevis la supre nomitan cirkuleron por aliĝo, bonvolu tuj nin sciigi.

*** De la lasta No, la jenaj grupoj elektis delegitojn :

*Filipina Insularo*. — D-ro Yemans ; S-ro Ch. S. Banks; S-ro George Langhome ; S-ro R. H. Noble ; S-ro W. D. Smith.
*Kopenhago*. — S-ro Kaj. Bendix (Dana Esp. Ligo) ; F-ino G. Monster.
*Troyes* (Francujo). — S-ro F. Doré ; S-ro E. Beuve.
*Rusthall Tunbridge* (Anglujo). — S-ro J. A. Gill.
*Lyon* (Francujo). — S-ro Jabeuf.
*Douai* (Francujo). — S-ro Bottin.
*Lvov* (Galicio). — S-ro St. Lazica
*Revel* (Rusujo). — S-ro J. A. Rahamegi.
*Moskvo* (Rusujo). — S-ro St Szabuniewicz.

*** La grupo de Wien elektis 3an Delegiton, S-ro A. T. Ostermeier. — S-ro Sĉavinski, forveturonta, Delegito en Melitopol estas anstataŭita de S-ro A. Lenkeviĉ, kaj S-ro Ardouvin, Delegito en Toulon de S-ro P. Berenguier.

*** Ni intencas publikigi denove la liston de la U. E. A. Delegitoj en iu proksima No. Por respondi diversajn demandojn, jen la lokoj, kie ekzistas U. E. A. Delegitoj (La cifero inter krampoj montras kiam estas pli ol 1 delegito).

*Amiens (2), Amsterdam, Annecy, Anvers (2) Armentières (2), Autun, Auxerre, Barcelona, Basel, Beaune (2), Bedford, Bern, Béziers, Boulogne s/m (4), Bourg (2), Bourges (2), Braunschweig, Breslau, Brno (2), Bukarest (2), Burgos, Burnley, Cadiz, Carlshamn, Castellon, Ces Budejovice, Châlon s/S, Château-Thierry, Debreczen, Dijon, Douai, Düsseldorf, Eskiltuna, Filipina Insularo (5), Firenze (3), Firminy, Fiume, Frankfurt s/m, Genève, Goole, Görlitz, Gratz, Hannover (2), Helsingborg, Huy, Köln, Königsberg, Kopenhag (2), Krakow, La Rochelle, Lausanne, La Flèche, Le Creusot (2), Le Puy, Levallois-Perret, Limoges, Louhans, Lvov, Lyon, Madrid, Magdeburg, Malmö, Marseille, Meaux, Melitopol Moskvo, Namur, Nancy (2), Naples, Niort, Nov-Sacz (2), Orléans (2), Palermo, Paris, Philippeville Pirma a/S, Praha (2), Reims, Rennes, Revel, Rhos, Roanne, Roubaix, Rotterdam, San Sebastiam, S. Gravenhag, Savigny, Seattle, St-Etienne, Sens, Shumen, Smyrne, Tarancon, Tiflis, Toulon, Toulouse, Troyes (2), Tunbridge, Wells Utrecht Voronej, Wien (3), Worms, Zürich. Entute 103 lokoj kun 130 Delegitoj.*

***

FAKO 3a. — **Turismo.**

La ĝenerala provizora plano de la diversaj vojaĝoj al Dresdeno organizataj de U. E. A. aŭ sub ĝiaj aŭspicioj estas nun starigata. Kvar araj vojaĝoj estas projektataj :

A. (Por la loĝantoj en Hispanujo, Suda Francujo, Italujo, Svisujo, Aŭstrio kaj proksimaj landoj). Iro tra Madrido, Barcelona, Lyon, Lausanne, Luzern, Zurich, Innsbruck, Praha, Dresdeno. La revenantaro estos dividata laŭ du partoj : unu tra Berlino, Frankfurt, Basel, Lyon, Barcelono, alia tra Munĥeno, Zurich, Bern, Lyon, k. t. p., laŭ la deziro de la partoprenantoj.

B. (Por la loĝantoj de Hispanujo, okcidenta, centra kaj norda Francujo, Belgujo, Holando, Germanujo). Iro tra San Sebastian, Bordeaux, Tours, Parizo, Namur, Köln, Dresdeno. La revenantaro estos dividata verŝajne laŭ du partoj : unu tra Berlino, Hannover, Rotterdam, Anvers, Amiens, Parizo ; alia tra Frankfurt-a/-M, Nancy, Parizo.

C. (Por la loĝantoj de Britujo). Iro tra Hamburg, Berlino, Dresdeno. Reveno tra Köln, Düsseldorf, Anvers.

D. (Por la loĝantoj de Skandinavio kaj Danujo). Iro tra Helsingfors, Stockholm, Malmö, Kopenhago, Berlino, Dresdeno.

*VOJAĜO A*. — La provizora programo por tiu vojaĝo estas nun jene fiksita : *Madrido* (forveturo 8 Aŭgusto) ; *Barcelono* (forvet. 11 Aŭg.) ; *Lyon* (vizito 10 Aŭg. ; forvet. 11 Aŭg.) ; *Lausanne* (forvet. 12 Aŭg.) ; *Montreux-Berna Oberland-Lucerno-Meggen* (vizito ; forvet. 13 Aŭg.) ; *Innsbruck-Tyrol* ; *Praha* (vizito 14 Aŭg. ; forvet. 15 Aŭg.) ; *Dresdeno* (alvetur. 15 Aŭg.) Dum la iro la vojaĝo enhavos viziton de Lyon, Lausanne, Lemana Lago, Berna Oberland tra la mondfama linio Montreux-Oberland, Meggen, kie festo estas organizata ĉe la « Internacia Paradizo », Lucerno kaj Praha ( speciale, vizito de la ekspozicio).

Por la reveno la partoprenontaro povos elekti inter la du jenaj vojoj :

*Vojo a : Dresdeno* (forvet 23 Aŭg.) ; *Berlino* (vizito 24-25 Aŭg. ; forvet. 26 Aŭg.) ; *Frankfurt* (vizito 27 Aŭg. ; forvet. 28) ; *Lyon* (alvet. 29 Aŭg.) ; *Barcelono* (alvet. 30 Aŭg ).

*Vojo b : Dresdeno* (forvet. 24 Aŭg.) ; *Munĥeno* (vizito 25 Aŭg. ; forvet. 26 Aŭg.) ; *Bern* (vizito 27 Aŭg. ; forvet 28) ; *Geneva* (viz. 28 ; forvet. 29) ; *Lyon* (alvet. 29), k. t. p.

La Esperantistoj de sama regiono devos renkontiĝi en la urboj, kie trapasos la granda aro. Ekzemple, en Avignon renkontiĝos la partoprenantoj de Marseille, Toulon, k. c. ; en Lausanne tiuj de Burgonjo ; en Lucerno tiuj de Italujo ; en Praha tiuj de Aŭstrio, k. c. La U. E. A. prenas sur sin nur la organizon de la granda vojaĝo tra la supraj urboj.

La supre montritaj datoj estas nur provizoraj kaj povos esti ŝanĝataj laŭ la deziro de la plimulto de la partoprenantoj. En ĉiuj lokoj trapasotaj de la aro, niaj Delegitoj klopodos por faciligi kaj agrabligi la restadon de la vojaĝantoj (rondiraj vizitoj, hoteloj, promenoj, k. a.). Sed por sukcesi aranĝi la aferon estas necese, ke oni kiel eble plej baldaŭ ricevu aliĝojn. La rabatbiletojn kaj favorprezojn oni povas atingi nur kiam oni scias la proksimuman nombron de la vojaĝantoj. Ni atentigas pri tio, ke la petataj aliĝoj estas pure *provizoraj* kaj devigas al nenia firma promeso, sed ili estas necesegaj por la antaŭaranĝoj. La personoj, kiuj deziras partopreni, sin tuj enskribu (nepre *antaŭ la 10 Julio*), ĉu ĉe la regiona U. E. A. Delegito, ĉu ĉe *S-ro Schmid*, Handelsdepartement, *Bern* (Svisujo), U. E. A. Komitatano. Oni konigu la vagonklason kaj vojon de reveno. Al la aliĝintoj ni konigos la prezojn kaj detalan programon post la necesaj klopodoj.

*VOJAĜO C*. — Por ĉiuj sciigoj pri tiu vojaĝo, oni skribu al S-ro H. Bolingbroke Mudie (U. E. A. Komitatano), 67, Kensington Garden's Square, London. W.

*VOJAĜO B & D*. — La provizora programo de tiuj du vojaĝoj aperos verŝajne en nia proksima No. Same kiel pri vojaĝo A. speciala cirkulero estos sendata al la Delegitoj de la regionoj interesitaj. Oni povas tuj de nun sin enskribi provizore por tiuj vojaĝoj, ĉe S-ro Schmid, Handelsdepartement, *Bern* (Svis.).

*** S-ro *Houssais*, kiu en nia gazeto diversfoje parolis pri vojaĝoj per Esperanto, sendis al ni la jenan komunikajon :

« La jusa kreo de Universala Esperanto-Asocio min permesas forlasi la mulpezan agadon pri vojaĝoj per Esperanto, kiun mi entreprenis nur ĉar nenio simila ekzistis. Bonvolu do la vojaĝontoj sin turni, kiel mi faros, se bezonas al Komitatano por turismo, de la U. E. A. Mi ne ĉesos instigi por la vojaĝoj per aretoj, kiuj estas la pli praktikaj, la pli fruktodonantaj. Per ili, Esperanto disvastiĝos certe kaj rapide, akirigos rezultatojn kuraĝigajn kaj pruvos ĝian taŭgecon, ĝian praktikecon, ĝian tujuzeblecon. »

## Delegito - Konsuloj U. E. A.

## PRAKTIKAJ INFORMOJ

**Grava avizo.** — Ni de nun *senpage* presos ĉiujn komunikajojn de la *U. E. A. Delegito-konsuloj* pri ilia agado, specialaj servoj faritaj de ili, esperantistaj hoteloj, firmoj kaj institucioj uzantaj Esperanton, k. t. p. Ili ankaŭ bonvolu sendi al ni nelongan informon pri ĉiuj okazintajoj aŭ okazontajoj lokaj, havantaj ĝeneralan intereson (ekz komercaj kaj industriaj ekspozicioj, foiroj, festoj, turismo, k. t. p.) Tiuj informoj estu redaktataj mallonge kaj precize ; oni sendu ilin al ni nepre antaŭ la 10a kaj 25a de ĉiu monato por ke ili aperu en la plej proksima no. Ni varme instigas ĉiujn delegitojn, ke ili bonvolu kiel eble plej akurate kunlabori por tiu rubriko, kiu dank'al ilia kunhelpo rapide fariĝos interesa kaj tre utila.

### Aŭstrio.

*PRAHA*. — *Ekspozicio*. — Ĉiuj Esperantistoj petu la Esperantan gvidfolion eldonitan de la Komerca ĉambro. (Esp.-Konsulo : Trunlarska 1518.27 - II). — *Gastotabloj* : Restoracio „ U. Donatu " Spalema (merkrede 8 h.) ; restoracio „ Kolorova " celetná ( vendrede 8 h.) ; kafejo „ Arco " Hybernska (sabate 8 h.)

*LVOV*. — La Esp. Societo Lvov'a aliĝis al U. E. A. kaj elektis S-ron Larica kiel Delegito-Konsulon.

### Danujo.

*KOPENHAGO*. — S-ro K. Bendix estis elektita U. E A. delegito de la Centra Dana Esp. Ligo. La nomita societo intencas starigi Esp.-Oficejon en la centro de l'urbo ; en ĝi oficistino parolos Esperante kaj la Esp-istoj povos aĉeti ĉiuspecajn Esperantajojn. La Dana Ligo preparas vojaĝon al la kvara kongreso ; tiu vojaĝo estos verŝajne kunigata kun tiu aranĝata de la U. E. A.

### Francujo

*ARMENTIÈRES*. — La grupo de Armentières organizos la 28an de Julio regionan kunvenon. De longe la Esperantistoj promesis respondi amase al la alvoko de la Armentières'a grupo. La anoj de nia Lille'a grupo devas ĉeesti multe ĉe tiu ĉi kunveno. Samtempe kiel feston la Armentiers'a grupo organizas ekspozicion por montri al la publiko, ke nun nia lingvo estas, ne ia projekto, sed efektivajo kaj nediskuteble utila. Fervoja rabato : 50 0/0. Sin turni al S-ro Barat, 112, rue Gambetta, Lille.

*BEAUNE*. — Esp. Of. (Place de la Halle) aĉetas originalajn propagandajn P. K. (sendi specimenon). Jus aperis : *Jara Revueto* de la grupo (3 Sd. afrankite). (Oni akceptas esperantistajn markojn de Tellini).

La 10an de Majo okazis en Beaune teatra prezentado, kies programo estis duone en la lingvo Esperanto. Granda sukceso. La grupo kun siaj naŭ filioj kaj siaj 240 membroj kalkulas pli ol 500 gegrupanoj.

*LYON*. — Delegito-Konsulo : S-ro Jabeuf, 11, rue Centrale, Esp.-Of. ĉe S-ro Farges, 36, rue Victor-Hugo.

*PARIZO*. — Verda Stelo (Groupe esperantiste de Montmartre), 129, rue Marcadet, Paris-XVIII.

— Nia Grupo, sekcio de U. E. A., petas afablan viziton de ĉiu Esperantisto trairanta Parizon. La domo estas malfermita ĉiuvespere de 8 ĝis 10 1/2. Ĉefaj kunvenoj okazas : lunde, kurso sekvebla de blinduloj ; marde, kantoj ; vendrede, grupa kunsido. Tie troviĝas biblioteko, esperantistaj gazetoj, ĉambroj por ludoj kaj legado, bilardoj, trinkejo, ĝardeno, k.t.p. La subtera fervojo kondukas ĝis la strato mem (Stacio : Marcadet) ; kaj de tiam, trovinte la n-on 129, oni ne bezonas pluan sciigon : steloj signas ĉiun pordon trapasotan.

*St-ETIENNE*. — Ni sciigas la samideanojn, ke jus fondiĝis en la urbo *Esperanto-Magazeno* ĉe S-roj Alix Massardier, 13, rue de la Croix, en kiu la vojaĝantaj Esperantistoj trovos sciigojn pri la urbo kaj ĉiujn Esperantistajn, librojn, ĵurnalojn. Tie ankaŭ la grupo deponis sian bibliotekon.

La *Esperanto-Biblioteko*, kolektante ĉiuspecajn Esperantajojn, S-roj Alix kaj Massadier (13 rue de ta Croix) petas la grupojn, konsulojn, eldonistojn, ke ili bonvolu sendi senpage al ili specimenojn de esperantaj ajoj kun prezaro al tiu adreso.

*TOURS*. — Konsulo : S-ro M. Patin ; Esp.-Oficejo, 5, rue Michelet. Afiŝejo, 22, rue Nationale. Gvidlibreto ilustrita de la regiono estas nun en preparo kaj baldaŭ aperos.

### Germanujo.

*DRESDENO*. — Esp.-Of. S-ro M. Tessner, Ammonstr., 63, vendas ĉiajn Esperantajojn. Gvidlibreto de la urbo estas en preparado. De 1909, la simpla adreso Esperanto-Oficejo en Dresden sufiĉos.

*GÖRLITZ*. — Inter la urboj de Germanujo, kiuj estas konataj kaj famaj pro la zorgema kaj distinga prezentado de bona kaj klasika muziko, estas nominda krom Leipzig, Berlin, München, Dresden, Cöln, Elberfeld, ankaŭ Görlitz en provinco Silezio. De multe da jaroj havis lokon en Görlitz ĉiutrijare la Silesiaj muzikfestoj sub la protektado de la konata Berlina eksintendanto S-ro grafo de Hochberg kaj sub la direktado de la plej famaj kapelestroj, nome S-ro Deppe kaj laste S-ro D-ro Muik. Precipe, ankaŭ multe da eksterlandanoj vizitis ĉi tiujn festojn ; ĝis nun mankis inda muzikejo. Per grandanima fondajo de S-ro grafo de Hochberg, per riĉaj aldonajoj de muzikamikoj kaj ne tro lasta per la agema helpado de la magistrato kaj de la burĝaro estis kunigita kapitalo da proksimume 400,000 Sm. por la konstruo de arta muzikado. La fundamentigo de la konstruajo fariĝis okaze de la muzikfesto en 1906. La konstruado mem estis transigita al la fame arĥitekturisto Lehring en Charlottenburg. En tiu jaro, oktobre, estis okazonta la inaŭguro de la halo. Jen, verŝajne kaŭzita de eraro de la tegmentkonstruo, la 9an de nuna majo, je 3 1/2 h. tagmeze, falegis la tegmento kun tondra bruego kaj trarompis la plankon kaj la ejojn sub la ĉambrego ŝirinte profunde ĉiujn galeriojn, balkonojn, k.t.p. ; 5 mortintoj kaj 9 grave vunditoj estis kuŝintaj sub la ruinoj, kies ĥaoso prezentas teruran vidajon. De ĉiuj flankoj montriĝis helpemo de la oficistaroj kaj urbanoj. Post la fino de la esplorado kontraŭ la arĥitekturisto kaj la kontruistoj, la urbo mem plenumos la konstruadon. Ni esperu, ke post ĝia pretiĝo, la muzikhalo fariĝos loko en la pejzaĝe bela Görlitz, kiu donacos al la ĉitieuloj kaj eksterlandanoj belegajn horojn. La muziko ja estas ankaŭ internacia komprenilo kaj alproksimigilo

Küster, delegito.

*MAGDEBURG*. — U. E. A. Delegito : S-ro F. Rockmann, Buckauerstr, 14 ; vicdelegito : S-ro E. Gericke, Scharnhorstr, 10 ; subdelegito : S-ro A. Hellige, policestro, Wittenberg-a/-E.

# FELIETONO

## FORKONDUKO

DE

Paul CINISTY

En la momento, kiam sinjorino Chatel estis sonorigonta, ŝia koro forte ekfrapis ; ŝia mano, jam ektuŝante la elektran butonon, refalis malsupren, kaj ŝi penis veni al fina decido. « Estas efektive delikata kaj plej stranga komisio, kiun mi prenis sur min », ŝi murmuris ; ŝi eltiris la leteron el la poŝo, kiun ŝi jus ricevis, alproksimiĝis al ŝtupara balustrado kaj denove legis rapidege ĉe la lamplumo :

« Mia Suzano, mia kara, fidela amikino ! Estas frenezeco, mi scias, sed nun ĝi fariĝis neevitebla. Eĉ al vi, mia konfida amikino, mi ĝis nun nenion konfesis, pro timo, ke vi povus doni al mi « konsilojn raciajn »... Mi nenion volas sciiĝi pri racio, mi volas esti feliĉa, volas vivi — same pro kia ajn prezo ! En la malvasta ĉirkaŭajo ĝisnuna mi preskaŭ sufokis. Mi foriros kun Ludoviko Jourvières ! Jes, forkonduko, romantika forkonduko ! Mi kliniĝas pro pasio, kontraŭ kiu mi ne plu povis batali. Kial do batali !... Li min amas tiel varmege, ke mia ofero respondas al lia. Se vi scius mian koragitadon pro mia jusa dediĉo al la granda aventuro, mian ebriecon pro la libereco, kiun mi riskas albataladi. Unue ni iros Anglujon, el kie mi poste skribos al vi. Nun mi havas ankoraŭ gravan peton por vi. Kvankam mi venkis ĉian ŝanceliĝon kaj pentas pri nenio, mi tamen sentas iom da kompato ĉe la penso pri la surprizo, la ĉagreno de mia edzo. Ni ambaŭ tiel grave diferencas kaj neniam li komprenis min. Kaj ankaŭ li tute ne konscias pri ĉio, kio nin disigas, li tamen estas, kiel vi scias, tre honorinda viro. Bonvolu do lin dolĉe instrui pri novajo, kiu sendube lin surprizege ektuŝos, ĉar li tute ne antaŭsentas tion, kio en mi konvulsiis kaj tremadis. Indulge konatigu lin pri mia decido. Iom post iom konvinku lin pri la neceseco de eksedziĝo, por kiu mi prezentas al li ĉiujn armojn. Diru nenion, kio povus esti tro kruela por li ! Mi, mi dediĉas min al mia sorto Salutas kaj kisas vin, via

« Lucianino. »

« Ĉio estas klara », diras sinjorino Chatel, « kaj la tasko plej malagrabla... Kian estontecon Lucianino produktas al si... Se mi nur scius, kiel mi preparos la malfeliĉan Auger... »

Ŝi anoncis sin. Sinjoro Auger venas kontraŭ ŝi kun elstreĉita mano. Li estas viro ĉirkaŭ kvardekjara, kun serena vizaĝo kaj tute plena je boneco kaj konfido. Li portas orajn pinĉvitrojn, kaj kiam li alproksimiĝas al Suzano Chatel, li deprenas nigran silkĉapeton kaj dispremetas ĝin inter la fingroj.

« Kia favora vento kondukas vin ĉi tien, kara sinjorino Chatel ? » li diras kaj, per signo, invitas ŝin sidiĝi.

« Pardonu, ke mi venas tiel malfrue... jam la sepa horo pasis ! Sed mi devas paroli kun vi... »

« Lucianino ne jam revenis... vizitoj, komisioj... Post nelonge ŝi estos hejme. »

« Jes, precipe pri ŝi mi volas paroli kun vi... »

Sinjorino Chatel esplorante rigardas lin ; ŝi opinias, ke ŝi neniam ĝis nun vidis tiel paceman seren-seriozan vizaĝon. « Kaj se jam post minuto tiu tuta kvieteco estos pereigita », ŝi enpensis.

« Mi tre ĝojas babiladi dum kelkaj momentoj kun vi », sinjoro Auger komencis, « vi estas tiel prudenta virino, jes, senflate... tiel juna kaj bela, kaj tamen nenian intereson por negravajoj, sed vi okupas vin pri multe da aferoj, kiujn malestimas mia malfeliĉa Lucianino... »

« Jes, ĝuste, Lucianino... »

Sinjoro Auger leviĝas kaj alproksimiĝas al vitra ŝranko, kiun li singarde malfermas.

« Vi, ne. Vi ne mokas pri maljuna kolektisto... Vi komprenas la malgrandajn, purajn ĝojojn, kiujn oni sentas serĉante kaj trovante ion kion oni delonge deziris... Nu bone, kara sinjorino, vi vidas feliĉan homon antaŭ vi...

Nevole sinjorino Chatel eksentas malvarman ektremon.

« Jes », sinjoro Auger daŭrigas, « rigardu tiun ĉi ornamitan ŝlosilon ! Meze inter la rozoj kaj lekantoj ĉi tie ĝi portas du traligitajn ciferojn... Tio estas la perlo de mia kolekto... La desegnajo ne estas plene delikata, ne... sed ĉu vi scias, ke tio — laŭ diro — estis farata de Ludoviko XIVa mem ?... De dudek jaroj mi scias pri tiu ĉi trezoro. Ĝi estis en multe da manoj, antaŭ ol mi sukcesis akiri ĝin... kiel ĉasisto mi ekscitite atendis... fine antaŭhieraŭ per la plej granda el la okazoj... »

« Kien ni eraris ? » pensis sinjorino Chatel. « kvazaŭ ni volus paroli pri ŝlosiloj ! »

Ŝi provis konduki la interparoladon al alia afero ; sed ŝi ne sukcesas detiri sinjoron Auger de lia ŝlosilo. « Rigardu », li diras, « ĉiu kreas en tiu ĉi mondo al si paradizon laŭ propra gusto. Por mi la feliĉo konsistas en la akiro de tiaj maloftajoj, kaj se mi eliras venkinte el la granda batalado pro ili, tiam mi rigardas ilin ĉiam kun respekto kaj sindono. »

« Ĉu en tio ne estas iom tro da egoismo ? » diras sinjorino Chatel, serĉante transiron.

« Mi ne timas ke mi per tio agas maljuste kontraŭ iu ajn », respondis Sinjoro Auger per naiva miro.

« Certe ne... sed juna edzino kiel Lucianino kun tiel poezia... iomete nekvieta karaktero .. ĉu vi opinias ke ŝi, kiel vi, povas kontentiĝi je primirado de malnova ferajo ?... »

« Ho, mi ne forgesas ŝin... sed atentu, mi malkaŝos al vi mian sekreton !... »

Li malfermas tirkeston de malgranda antikva meblo.

« Jen mi havas valoran malnovan broĉon... tuj kiam ĝi estos riparita, mi donacos ĝin al mia edzino. »

Sinjorino Chatel sentas sin senkuraĝigita. Kiel malproksime tiu ĉi bonega, iom stranga homo estis de la katastrofo ! Pli ol kvarono da horo pasis pro tiaj infanajoj ! Kaj Lucianino rapidege en vagonaro veturas al la profundegajo !

Per pli da fortikeco ŝi nun diras :

« Amiko mia, ĉu Lucianino eble sen via volo suferis negravajn malagrablajojn aŭ certajn trompajojn ? »

« Lucianino ! »

Sinjoro Auger ŝajnas surprizita pro la demando. Li pripensas iomete, ĉiam pririgardante la broĉon, kiun li tenas en la mano, kaj kun infaneca, ja tuŝiga konvinko li poste respondas :

« Ne do... neniam... cetere ŝi bone konas mian amon por ŝi... ne, vere ŝi estas tute feliĉa, mi scias ! »

« Triobla blindulo ! » pensas sinjorino Chatel, kiam ŝi malespere rimarkas, ke estas ne eble veki suspekton en tiu ĉi malkaŝa animo. « Tiamaniere mi atingas nenion... se li havas tiel malmulte da scivoleco, mi devas paroli pli insiste. »

*(Fino en la proksima No)* Trad. J. SCHMID.

**Granda Britujo.**

*BRIGTON.* — *Grava avizo.* — La konsulo, S-ro J. H. Vagg, estas ŝanĝinta sian adreson. La nova adreso kaj Esperanto-Oficejo estas 76, Prudential Buildings, North Street. Respondo al ĉiuj petoj pri informoj; helpado al la trapasantoj.

*LONDONO.* — Ĉiuj personoj, kiuj dezirus ricevi informojn pri la nuna Franco-Brita ekspozicio skribu al S-ro Blaise (Merton Abbey, London S. M.); p. marko por la respondo.

**Italujo.**

*PALERME.* — La 18an de Majo okazis aŭtomobila kurado por la Florio'a premiplato. Ĝi estis malpli grava ol tiu de la estinta jaro, ĉe kiu partoprenis preskaŭ 50 veturiloj. Ĉe la jena kuris nur 13 aŭtomobiloj, kaj gajnis la unuan premion veturilo "Isotra Fraschini", la duan veturilo "Fiat" la trian veturilo "Spa" (ĉiuj italaj), kaj la kvaran veturilo "Berliet" franca. La kurado estis tre interesa kaj la rezultato preskaŭ neatendita.

— Baldaŭ oni inaŭguros agrikulturan Regionan Ekspozicion.

— Oni anoncis ankaŭ kelke da tempo ke la sportamanto Florio proponis al S-ro Farman, venkinto de l'premio de nia samideano Archdéacon por l'aerveturado aeroplanan matĉon. Ĝi okazos post nelonge en Palermo. Mi informos pri la preciza dato de tiu grava sporta okazo, kaj pri la rezultato.

**Rusujo.**

*MELITOPOL.* — Pro forveturo de la ĝisnuna konsulo S-ro Sĉavinski, S-ro A. Lenkeviĉ, fotografisto, estis elektita Delegito-Konsulo; respondas al ĉiuj informoj, helpas al trapasantoj, k. t. p.

*MOSKVO.* — La Esp.-Moskva societo elektis kiel U. E. A. Delegiton S-ron St. Szabuniewitz, Mjasnickaja.

Ĝis nun Rusujo havis nenian centran Esperantan librejon, kio multe malhelpis propagandon. Por fari eksperimenton, ni fondis en Marto de nuna jaro librejon « Esperanto ». Tiu ĉi entrepreno donis al ni eblecon multe prigrandigi la propagandon de nia afero, sufiĉe kompensante faratajn por tio ĉi elspezojn, kvankam ĝi havis sian ejon tute ne en komerca parto de Moskvo. Nune por tiu librejo de ni estas luita bonega loko en ĉefa strato de Moskvo Tverskaja, kiun nepre vizitas ĉiu Moskvano kaj ĉiu fremdulo. Tio ĉi faros grandegan propagandon ne sole en Moskvo sed en tuta Rusujo, ĉar Moskvo estas centro de ĉiuj rusaj fervojoj. Por plej sukcese disvolvigi nian entreprenon ni fondas en Moskvo la akcian librovendan kaj libreldonan societon « Esperanto » kun fonda kapitalo da 10.558 Sm., dividita je 180 akcioj; 1/5 de tiu kapitalo estas distribuita, kio koncernas 4/5 da resto, ni esperas, ke niaj samideanoj volonte subtenos nian entreprenon. Oni sin turnu al librejo « Esperanto », Tverskaja, 28, Moskvo. Ĉiaokaze la societo nepre estos fondita. A. Saharov.

*** *Industria kaj komerca Grupa Esperantista « Laboro »* informas pri ĉio, laŭ deziro de alilandaj samideanoj, interŝanĝas per adresoj de grupanoj; sin turnu al la prezidanto A. Prager, poŝtakesto 409.

En Moskvo jus fermiĝis *Unua tutrusa kooperativa Kongreso* kun pli ol 900 ĉeestantoj de diversaj organizaĵoj kooperativaj. Esperanto estis prezentita ĉe ekspozicio de diversaj eldonaĵoj. Dum la Kongreso estis priparolo pri « Esperanto kiel ilo por kooperativaj kongresoj internaciaj », sekve de kiu 20 aŭskultintoj sin enskribis je grupo « Laboro » kaj kurso aranĝita de ni. — De 1a ĝis 20a de Majo estas aranĝita « Tutmonda aŭtomobila ekspozicio », kaj de Junio estos « Tutmonda mara ekspozicio ». Informojn donos la grupo « Laboro » en Moskvo. A. Prager.

**Svisujo**

*ĜENEVO.* — *Esperantista Festotago.* — La 16-17an de Majo okazis plensukcesa Esperantista festotago. Sabaton, vesperfesto estis organizita en Kazino de Sta Petro; geaktoroj talente ludis Esperantan komedion « Angla lingvo sen profesoro » kaj francan teatraĵon propagandan « L'Heritage Klodarec »; deklamoj kaj muzikaĵoj agrabligis tiun ĉarman vesperon. Dimanĉon matene okazis en la Universitato kunveno ĉe kiu partoprenis pli ol 100 diverslokaj Esperantistoj de la tuta regiono. La ĉefa temo estis dediĉita al la Universala Esperanto-Asocio: S-ro H. Hodler, vicprezidanto de U. E. A., klarigis la signifon, funkciadon kaj taskon de la U. E. A., insistante pri ĝia praktika karaktero. S-ro Th. Rousseau, helpkomitatano de fako IIa, raportis pri la laboro de la U. E. A. rilate al Konsuloj, Esp.-Oficejoj, k. c., kaj montris laŭ kia plano estas starigitaj tiuj institucioj de nun post la ekzisto de U.E.A. S-ro Schmid (Bern), komitatano de fako IIIa, parolis pri la vojaĝo organizota de la U. E. A. al la IVa Kongreso kaj pri la Esperantistujo starigata de li en Meggen, sub nomo « Internacia Esperanta Paradizo »; li detale konigis la vojiron de vojaĝo tra Lyon, Genève, Lucern, Praha, Dresden kaj rekomendis al la ĉeestantoj sin tuj enskribi. Tiuj tri komunikaĵoj pri U.E.A. estis akceptitaj per varma aplaŭdo, kaj la kunveno unuanime akceptis la jenan tagordon:

« *La partoprenantoj de la Esperantista « Festotago, kunvenintaj en Ĝenevo le 17an de « Majo,*

« *Aŭdinte la priskribon de la celo kaj funk- « ciado de la Universala Esperanto Asocio, « konsentas kun la esprimitaj ideoj kaj instigas « la Esperantistojn kaj Esperantistajn organiz- « aĵojn partopreni en ĝi kaj helpi por la « efektivigo de ĝia programo* ».

Post la kunveno, okazis en kiosko Bastions (festenloko dum la IIa Kongreso) vivoplena tagmanĝo. Telegramo pri certigo de konstanta fideleco estis aklame sendita al D-ro Zamenhof; alia al S-ro Schneeberger, kiu ne povis ĉeesti. Multaj personoj sin enskribis por la vojaĝo U. E. A. al Dresdeno. Promenado en la ĉirkaŭaĵoj finis tiun fruktoportan festotagon. Inter aliaj gastoj ĉeestis D-ro Yemens, iniciatinto de la grava Esp. movado en Filipina Insularo, kie post 8 monatoj da ekzisto jam 500 samideanoj estas.

*** Ĵus aperis « *Gvidilo tra Ĝenevo* », esperante redaktata. Plenaj sciigoj pri la Esperantistaj institucioj kaj ĝeneralaj informoj pri la urbo. Tiu gvidilo estos *senpage* sendata al ĉiuj personoj kiuj ĝin petas de la *Esperanto-Oficejo*, en Genève.

La Delegito-Konsulo ankaŭ eldonigis serion de Esperante redaktitaj poŝtkartoj de l'urbo; unu serio (12 belegaj kartoj) kostas nur 40 Sp.

# ESPERANTO-SOCIETOJ

Kontraŭ jara helpabono da 4 Sm. ni enpresas sen plia pago ĉiujn oficialajn komunikojn de la grupoj, kluboj, societoj, k. t. p. esperantistaj. Tiuj komunikoj estu kiel eble plej mallongaj. Ni instigas ĉiujn grupojn ke ili profitu tiujn speciale favorajn kondiĉojn kaj uzu nian gazeton kiel komunan perilon kaj interrilatigilon.

**Federacio de la Esperantistaj grupoj Burgonjaj.** — Grandan ekskurson en Cluny preparas la Federacio, kies dato provizora estas 28 junio aŭ 5 julio. Festeno, parolado, koncerto, k. t. p. Sendi aŭ peti sciigojn kaj informojn, al la Sekretario: D-ro Blanc, 10, boulevard de Sévigné, Dijon.

# PERESPERANTAJ SOCIETOJ

**Internacia Societo de l'Esperantistaj Juristoj.** — La I. S. E. J. havas celon krei kaj konservi inter siaj anoj aferajn rilatojn, konigi al la fremdaj juristoj la samideanajn kunfratojn aŭ junlaborantojn en ĉia lando, ebligi la sendon de aktaro en la plej malproksimajn landojn kun certeco trovi tie korespondanton, unuvorte unuigi la Esp. juristojn de ĉiuj landoj. La jara kotizaĵo kostas 1 Sm. ESPERANTO estas la oficiala organo de la I. S. E. J. Por ĉiuj informoj, sin turni al S-ro Sergeant, 31, Bd Mariette, Boulogne-sur-Mer (Francujo).

OFICIALA INFORMILO.

*Nova aliĝo.* — S-ro Becker, konfidato ĉe la komerca juĝejo, Paris.

*Kaj artikoloj.* — Ni publikigas en la nuna numero interesan artikolon de S-ro Ampt. attorney en Cincinnati (okio), vic-prezidanto de l'I. S. E. J. por Usono. Oni scias ke, antaŭ ne longe, nia eminenta amiko prezektigis, de la kolonelo Harper, al la Senato de l'Ohio'a ŝtato, leĝprojekton celantan ke la lernadon de Esperanto estu deviga en la publikaj lernejoj — Ni esperas la sukceson pri tiu ideo kiu estas grandega por nia afero.

*Vortaro.* — Por ebligi la vortaran taskon, mi petas al niaj anoj, ke, laŭ la tre bona metodo de la S. O., ili bonvolu ĉerpi el niaj artikoloj, ĉu tiun terminon, la novajn jurajn vortojn, kaj skriki ilin kun la nacia traduko. Oni sendu la laboron al S-ro Degon, 17, rue St-Eloi, Douai (Francujo).

**Esperantista Marista ligo.**

La Franca sekcio de la Esperantista marista ligo estas de nun organizata.

Ĝia komitato konsistas el:

S-roj Rollet de l'Isle, hidrografiista ĉefingeniero, prezidanto; Duchochois, ŝiparmisto, prezidanto de la Grupo de Boulogne-sur-Mer, vicprezidanto; René Mesny, profesoro de navigacio, kasisto-sekretario; Samuel Meyer, ŝipmaklerosto, helpa sekretario; D. Cot, pensiita hidrografisto, membro; Fahrner, veselleŭtenanto, membro; Vicadmiralo Bayle bonvolis akcepti la honoran prezidantecon, kaj vicadmiralo Gigou, la titolon de honora membro.

Nun la Franca Sekcio klopodas por starigi alinaciajn sekciojn; jam ĝi havas korespondantojn, kies nomoj estas:

S-roj Southcombe, 16, Stantford, Avenue Brighton (Anglujo); Coĉo, maŝinisto, vĵs Nadejda, Varna (Bulgarujo); S-ino G. Monster, 54, B. Osterbrogade (Danujo); S-ro Emilo Elenius, en Suursaari (Finlando); S-ro D-ro Mybs, 68, Markstrasse, Altono a/E (Germanujo); S-ro G. Cernoĥovstov, 40, 10, 25 Malyj pr, Peterburgo Peterburgo V. O. (Russ Rusujo).

Parizo, Aprilo 1908.

*La Sekretario,* R. Mesny. *La Prezidanto,* Rollet de l'Isle.

# AL NIAJ LEGANTOJ

**Pro troeco de materialo, ni ne povis aperigi nian felietonon de 4a paĝo. De la proksima No, ni komencos la publikigon de belega novelo, el svisa fama aŭtoro Ernst ZAHN, nome**

# LA PATRINO

tradukita de J. Ŝmid, (Bern)

**Ĉiuj niaj legantoj kun plezuro legos tiun realan kaj kortuŝantan rakonton.**

# ANONCETOJ

TARIFO

*Korespondado.* — Ĉiu enskribiĝo kostas 30 spesdekojn (fr. 0.75; 7 d.; m. 0.60). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. La literoj P L montras la korespondadon per poŝtkartoj ilustritaj; la litero L montras korespondadon per leteroj; la literoj P M. montras interŝanĝon de poŝtmarkoj. Niaj abonantoj rajtas enpresigi senpage trilinian anonceton.

*Petoj kaj proponoj.* — Ĉiu linio (40 literoj) kostas 10 spesdekojn (fr. 0.25; 2 1/2 d.; m. 0.20). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. Niaj abonantoj rajtas enpresigi senpage trilinian anonceton.

*Komercaj reklamoj.* — Ĉiu linio (40 literoj) kostas 16 spesdekojn (fr. 0.40; 4 d.; m. 0.32). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. Niaj abonantoj (speciale la hoteloj esperantistaj) rajtas enpresigi senpage trilinian anonceton.

NOTO. — Oni sendu ĉian anonceton antaŭ la 5a kaj 20a de ĉiu monato, ĉu al nia administrejo, ĉu al niaj agentoj aŭ al la Esperanto-Oficejo. Oni skribu kiel eble plej legeble. Oni povas pagi per poŝtmandato, poŝtkuponoj internaciaj aŭ poŝtmarkoj. Ĉiu anonceto, ne akompanata de monsendo, ne estos enpresata. La Esperanto-Oficejo estas petataj elmeti ĉiufoje niajn anoncetojn ĉe sia afiŝejo.

***

**Korespondado**

*Stockholm* (Svedujo). — Mastrumlernejo. Direktoro J. Rapp. Västra trädgårdsg., 19

*Aidin* (Azia-Turkujo). — S-ro S. Sidki, telegrafisto. Pl. L. PM.

*Leicester* (Anglujo). — S-ro J. Warner, 43, Tyrrell Str. Pl.

*Eu* (Seine-Inf. - Francujo). — S-ro H. Duquesne, stud. kolegio. PM. L.; S-ro E. Mabille, stud. kolegio. Pl. PM.

*Arras* (Francujo). — S-ro R. Polle, Ecole Normale. Pl.

*Cerveny Kostelec* (Bohemujo-Aŭstrio). — S-ro František Kostelec, naproti Kosteln. Pl. PM.; F ino J. Supichová, instruistino Pl

*Verdun* (Francujo). — S-ro Alfred d'Ourches, skulptisto, 91, rue d'Alsace-Lorraine. Pl. L.

*Aidin* (Azia-Turkujo). — S-ro Abraham Laroze, brandfaristo. Pl.

*Bakareŝt* (Rumanujo). — S-ro P. Gheorghin, Str. Fâinarilor, 40. Pl.

*Vys. Myto* (Bohemujo-Aŭstrio). — S-ro Bedrich Pollak. Pl.

*Copitz-a/-Elbe* (Germanujo). — S-ro A. Barthel, stenografisto. Pl. L.

*Verdun* (Francujo). — F-inoj Houzelle, Herelle, Pérignon kaj Pontrieux, 45, rue du St-Sauveur. Pl. L.

*Aidin* (Azia-Turkujo). — S-roj J. Benezra kaj J. Danon, lernantoj, Alliance Israëlite. L. Pl.

*Prostejov* (Moravio-Aŭstrio). — S-ro J. Neugebauer, verějné nemocnice. Pl. L.

*Plzen* (Bohemujo-Aŭstrio). — S ro Narbert Lang, jun., Poděbradova tr. 19. PM. Pl.

**Petoj & proponoj**

**Amikejo.** (Neŭtra Moresneto). — Charles Schwierer, oficejo por riprezentado loka de ĉiuspecaj komercaĵoj kun esperanta nomajo kaj esperanta librejo.

**Faukner-Adresaro.** — Bonvolu sendi tuj vian adreson kun 20 Sd. al Esp.-Oficejo, k. E. d. krupka, Hradec Král (Bohemujo-Aŭstrio) kaj vi ricevos grandan tutmondan *Faukner-adresaro'n senpage kun via adreso, tuj post ĝia apero.*

**Sobreculoj.** — La sobreclogio « Printempo » eldonis multekolorajn poŝtkartojn, *sed belegajn*, kiujn ĉiu samideano povas ricevi tute senpage, sendante al la loĝio ilustritan poŝtkarton (urbvidaĵon, pejzaĝon) al la jena adreso: Lars Boström Inedalsgatan 7a iv. *Stockholm.*

**Korespondado.** — S-ro A. Kalugin, St La Dojskaja, Kub. Obl. (Kaŭkazo-Rusujo) deziras koresp. P aŭ L kun Esp-istoj de Danujo, Svedujo, Svisujo, Holando, Nov-Zelando, Hispanujo, Italujo kaj Kanado; ĉiam kaj tuj respondas.

**Tradukado.** — La Bedforda grupo (Anglujo) faras tradukojn de mallongaj anglaj rakontoj; ĝi prefere trovus alilandan grupon (sed ne francan aŭ germanan) kiu interŝanĝos similajn tradukojn kun ĝi. Sin turnu al: E. Pointer, Oakfield (Bedford).

**Estas vendeblaj**: luksa insarsiita stila meblaro, malnovaj sciencaj diverslingvaj libroj, porcelano, neŭzitaj vidajkartoj ĉiulandaj, raraj poŝtmarkoj, bildoj, k.t.p. ĉio el la postmorta restaĵo de J. Červeny el Audejovice. Sin turni al F-ino Hrušková, Dlouka ulice, ô 26. G. Budejovice (Bohemujo-Aŭstrio).

**Ofico.** — Juna Franco deziranta perfektiĝi en la germana lingvo trovos oficon en mia komerca oficejo, C. Barthel, Frankfurt-a-M. (Germanujo), Wöhlerstr., 14.

**Ofico.** — Junulo kun iom da praktiko en kontoro ricevos oficon kiel korespondanto ĉe Hjalm. Bäckström, Postbox 247, Stockholm. Eksport-Import-Agenturo.

**Papilioj, konkoj.** — S-ro Prunot, 56, rue de Lyon, Mâcon (Francujo), deziras ricevi papiliojn, konkojn, k. t. p., el tutmondo, por interŝanĝo, aĉeto.

**Poŝtkartoj.** — Sendu 80 spesdekojn al S-ro Pion. Sté Générale, Beaune (Côte-d'Or, Francujo) kaj vi ricevos belan kolekton da 13 ilust. Kartoj Esp. de Beaune.

**Al ĉiuj Esperantistaj korespondantoj.** — En julio oni komencos eldonadi almenaŭ ĉiumonate grandegan tutmondan: **Faukner-adresaro'n** de esperant' korespondantoj.

Prezo (afrankite) kun enpreso de adreso:

1 ekz.: 20 Sd; 10 ekz.: 1,90 Sm; 50 ekz.: 8,70 Sm.

Ĉiu plua linio (35 lit.) 8 Sd., plua empreso (sen adresaro) 10 Sc. Petu tarifon de komercaj anoncoj! — Por mendoj pagitaj antaŭ 15/VI ni donos rabaton 5 %. Ĉiujn mendojn kaj aliajn por aliĝojn, bonvolu sendi al: « *Esperanto-Oficejo* », K. Ed. Krupka en Hradec-Králové (Bohemujo-Aŭstrujo).

**Korespondado.** — Max Bousquet, Roanne (Loire-Francujo), bedaŭ 4 jaraĝa, disdonos dum 15 monatoj (ĝis jul. 1909 inkl.) portretojn de si mem, grupojn de gelernantoj pri Esp. de sia patro, poŝt. il., k. t. p., al ĉiuj geamikoj de la mondo, eĉ francaj, kiuj sendos al li agrablan (gaz. aŭ jurn. il., bild., fotografaĵojn, naturaĵojn ... aŭ art. kuriozaĵojn, k. t. p.) kun kelkaj *tre leg.* vortoj.

**Informoj.** — *Hradec-Králove* (Bohemujo-Aŭstrio). — Esperanto-Oficejo ĉe S-ro Krupla, ŝtofkomercisto. Informoj pri komerco, turismo kaj historio. (Batalejo dum milito prusa-aŭstra 1866).

**Komercaj reklamoj**

Jus aperis: *La Preĝo de l'Nesciamto*, de la fama holanda liperpensulo Multatuli, trad. esp. de Dreves Uitterdyk, ano Lingva Kom. 2 pag.; 12 ekz. 1/4 Sm; 30 ekz. 1/2 Sm., ĉe W. Nutters, Ostadestraat, 94, Amsterdam (Holando).

**Vinoj.** — D-ro A. Vesoux, Beaune (Côte-d'Or, Francujo) proponas je moderaj prezoj famajn aŭ ordinarajn vinojn, kiujn li rikoltis

**Komerc-industria Kontoro.** — « Komercindustria Domo Espero », anonima kompanio por la en- kaj elportado de ĉiaj komercaĵoj, sed precipe teknikaĵoj. La dirita firmo uzas Esperanton. Adreso: Zgierz (Polujo).

**Franca-Brita Ekspozicio.** — Pensio por gesinjoroj, Hejmaj komfortaĵoj. Bano. Moderaj prezoj. Oni parolas Esperante, Angle, France. S-ino O'Connor, Esperanto-House, 17, St. Stephens Sq. Bayswater-London (Anglujo).

**Zamenhofan portreton**, sed ankaŭ aliajn se vi alsendas fotografaĵon, liveras en arta farajo, formato 35 × 45 cm. por 2 Sm. Wilh. Thielking, Schöneberg, Berlin, Reicharstr., 3.

**Reklamo**, — S-ro G.-A.-G. Browne, reklamagento, 53-54, Wych-Street, London, W. C. (Anglujo), deziras korespondi kun Esperantistoj pri anoncado en britaj, koloniaj kaj fremdaj jurnaloj.

**Komerco.** — Agento por eksporto kaj importo. Hjälm Baäckström, Postbox 237, Stockholm (Svedujo).

**Fianĉinoj esperantistaj.** — Aĉetu viajn litoblankaĵojn en tolo kaj kotono, servietojn, tablotukojn, k. t. p., ĉe via samideano Jakobo Wyler, Zurich (Svisujo), Stampfenbachstr, 32. Belaj, bonaj kvalitoj; moderaj prezoj; postulu specimenojn aŭ viziton.



**Ĵus aperis:**

**Konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj**

— Informoj pri la Kreo kaj elekto de la konsuloj, organizo kaj servoj de la konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj, laŭ la decidoj de la kunvenoj de la komitato kaj delegitoj de Esperanto-Oficejoj dum la IIIa Universala kongreso de Esperanto.

Ĉiuj konsuloj grupkomitatanoj, aferistoj, k. a. nepre devas legi ĉi tiun novan broŝuron.

*Prezo:* 20 Spesdekoj (1 ekzemplero).
1,50 Spesmilo (10 ekzempleroj).

Rabato da 30 % al la libristoj, Esperanto-Oficejoj, Agentoj de "Esperanto"

**Eldonejo**: 8, rue Bovy-Lysberg, *Genève* (Svisujo).

Pres. Ch. Zœllner, Genève